# KONGRESAJ PENSOJ

En la vivo de IFEF ekde 1949 en ĉiu jaro seninterrompe okazis entute 63 IFEF-kongresoj. Ĉiu kongreso donis al la partoprenantoj interesajn travivaĵojn, belajn kaj neforgeseblajn momentojn. Pere de la kongresoj la fervojistaj esperantistoj konatiĝis kun diversaj landoj, regionoj, urboj, faŭnoj kaj floroj, popolkutimoj, kulturoj, antikvaj heredaĵoj kaj postrestaĵoj, modernaj konstruaĵoj, kaj ekkonis la fervojojn, kaj la popolojn de la koncernaj landoj.

Ĉiu landa asocio de IFEF – escepte Japanio – jam organizis IFEF-kongreson, eĉ en multaj landoj jam plurfoje okazis tiu (ekz. en Aŭstrio, Danio, Francio, Germanio, Hungario kaj Italio kvinfoje, en Bulgario kaj Nederlando kvarfoje). Multaj kongresoj lasis postsignon en la memoroj de la partoprenantoj. Ekzemple en Danio okazis la rondciferaj kongresoj (la unua, la deka, la dudekkvina kaj la kvindeka), en Hungario la IFEF-kongresoj ricevis karesnomojn (en 1962: „Kongreso de la entuziasmo”, en 1982: „Kongreso de bonkoreco”, en 1995: „ Kongreso de la komprenemo”, en 2000: „Kongreso de akurateco”, kaj en 2004: „Kongreso de la amikeco”), en multaj landoj la partoprenantoj ĝuis la maron, la montarojn, la belegajn urbojn, antikvaĵojn ktp. Dum ĉiuj kongresoj okazis ekskursoj kun neforgeseblaj travivaĵoj, kulturprogramoj kun interesaj kaj altnivelaj spektakloj. Eĉ en Ĉinio ni konatiĝis kun alia mondoparto.

Kio okazis en Liberec? Jam komence de la kongreso la partoprenantoj sentis la zorgadon, la atenteman helpopreton de la LKK-anoj, eĉ tiujn de la tutaj ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj. Preskaŭ ĉiuj eventoj enhavis iun pozitivan surprizon. La riĉaj kaj altnivelaj kulturprogramoj, la bone organizitaj kaj gviditaj duon- kaj tuttagaj ekskursoj, la donacoj al ĉiuj partoprenantoj, la invito al la komuna tagmanĝo, la gastigadoj post eĉ dum la ekskursoj, la atentemoj kaj zorgadoj donis al la kongresanoj neforgeseblajn sentojn kaj memorojn. Mi ne ŝatus denombri la helpopretajn LKK-anojn kaj helpantojn, tamen mi devas mencii s-inon Anna Abelovská, s-rojn Ladislav Kovář kaj Jindřich Tomíšek, kiuj senlace, akurate kaj ĉiam zorgeme helpis al ĉiuj partoprenantoj. Mi parolis kun multaj kongresanoj, kun la estraranoj kaj komitatanoj de IFEF, kiuj ege laŭdis la kongreson. Mia amiko diris al mi dum la kongreso, ke ĉi tiun kongreson devus nomumi: „Ora kongreso”. Jes, tiu kongreso estis „ora”, eĉ pli…

Mi pensas, ke mi rajtas diri en la nomo de la tuta kongresanaro, ke ni dankas ĉion al la ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj!

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**La kongrescentro Babylon, kongresejo de la 63-a IFK**

## Enhavo:

# IFEF KONGRESIS EN ĈEĤIO

La ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj jam la trian fojon aranĝis kongreson por la fervojista esperantistaro. Post Olomouc (1991) kaj Tábor (2001) en la kuranta jaro la 63-a IFEF-kongreso okazis en pitoreska ĉeĥa urbo Liberec inter la 7-a kaj 14-a de majo. Entute 173 kongresanoj el 18 landoj partoprenis en la kongreso.

Ĉiuj programeroj de la kongreso okazis en la kongrescentro Babylon, kiu enhavas hotelon, konferencejojn, amuzejojn, restoraciojn, naĝejon, butikojn kaj aliajn instalaĵojn.

**Sabate** posttagmeze komenciĝis la kongresa semajno. La unua programero de la kongreso estis la *Interkona Vespero* en la „Atrium" de Babylon. Plejmulto de la kongresanoj partoprenis ĝin.

**Dimanĉe** antaŭtagmeze kolektiĝis ĉiuj kongresanoj en la granda kongresa salono de Babylon. Tie okazis la *Solena Inaŭguro*, kiun partoprenis kelkaj invititaj reprezentantoj de fervojo, urbo, FISAIC, landa asocio de la ĉeĥaj esperantistoj kaj de la hotelo. La inaŭguron gvidis la LKK-prezidanto s-ro Ladislav Kovář. La programo komenciĝis kun la spektaklo de la loka infana dancgrupo Jizerka, kiu per kelkaj popolaj dancoj kaj kantoj amuzis la publikon.

Poste la invititaj gastoj salutis kaj bonvenigis la kongreson.

Ankaŭ la reprezentantoj de la landaj asocioj salutis la kongreson.

Poste la ĉefkomitatano de IFEF s-ro Jindřich Tomíšek laŭtlegis la ricevitajn salutmesaĝojn de Probal Daŝgupta, prezidanto de UEA, de Georges Wallerand, prezidanto de la landa asocio de FISAIC en Francio, de Han Zuwu, prezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto Asocio, de Osioka Moritaka, prezidanto de la Japana Esperantista Ligo Fervojista. Salutleteroj venis ankaŭ el landoj, kiuj ne havas landan asocion de IFEF (Armenio, Albanio, Brazilo, Israelo), kaj de honora membro de IFEF János Patay el Hungario, eĉ sendis saluton la Radio Vatikana.

Fine la prezidantino de IFEF, s-ino Rodica Todor faris festparolon. Unue ŝi parolis pri kelkaj eventoj de la ĉeĥa fervojista Esperanto-movado, kaj laŭnome rememoris pri la forpasintaj elstaraj ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj. Poste ŝi menciis la vivantajn aktivulojn, kiuj agadas vigle kaj efike. Ŝi emfazis la sindonan agadon por Esperanto de d-rino Anna Ábelovská, al kiu la prezidantino transdonis la plej valoran IFEF-honorigon „Membro de Honora Patrona Komitato". Ankaŭ ŝi distingis per „Honora Diplomo" s-ron Ladislav Kovář kaj s-ron Jindřich Tomíšek.

Post la inaŭguro okazis malgranda *Uniformparado* kun kvar fervojistaj esperantistoj.

Poste sekvis *Komuna fotado* antaŭ la enirejo de la hotelo Babylon.

Posttagmeze okazis *Kunsido de la Fake Aplika Sekcio* de la Faka Komisiono, en kiu




*La prezidantaro dum la inaŭguro*

*Komuna fotado antaŭ la kongresejo*

partoprenis gekolegoj el sep landoj. Okazis raporteto pri la grava ĉeĥa fervojfaka aranĝo, pri la fakprelegoj dum la nuna kongreso, pri la faka ekskurso dum la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago, kaj pri aliaj fakaj temoj.

La *Ekumena Diservo* por la kongresanoj okazis en la preĝejo de Sankta Antonio.

Dimanĉe vespere okazis *Koncerto de Kanthoro Bendl* el Česká Třebová. La prezentado komenciĝis per la ĉeĥa kaj esperanta himnoj, poste la ĥoro daŭrigis la spektaklon per spiritaj komponaĵoj kaj popolkantoj. La pinto de la programo estis, kiam la ĥoro kantis ariojn el operoj de Dvořák, Bizet, Verdi kaj Smetana.

Post la koncerto okazis la *Prezentado de la venonta 64-a IFEF-kongreso*, kiu okazos en la germana urbo Herzberg am Harz en la venonta jaro. Herzberg estas la „Esperanto urbo", kies urbestro, s-ro Walter Gerhard kun varmaj vortoj invitis nin al la 64-a IFK. Poste s-ino Zsófia Kóródy – kunlaboranto de la Interkultura Centro Herzberg – donis utilajn informojn pri la urbo, trafiko, kongresejo, hotel- kaj manĝeblecoj ktp. Per multaj lumbildoj kun preciza kaj interesa klarigo ŝi prezentis la vidindaĵojn de Herzberg, kaj la lokojn de la dumkongresaj ekskursoj. Fine de la prezentado la LKK-anoj kaj helpantoj de la



*Dum la komuna tagmanĝo*

64-a kongreso transdonis invitilojn, aliĝilojn por la kongreso, kaj diversajn prospektojn al la ĉeestantoj kaj al la responsuloj de la landaj asocioj.

**Lunde** matene ni aŭdis interesan *prezentadon* pri Liberec, kaj poste sekvis la *Nepublika Komitatkunsido.* La komitato diskutis la kongresproponojn, la kasraporton pri 2010 kaj la buĝeton por 2012, la situacion en kelkaj landoj, la venontajn kongresojn kaj eksterajn rilatojn.



La nuna kaj la antaŭa prezidantoj de IFEF

Posttagmeze okazis la *Unua duontaga ekskurso*, en kies kadro multaj kongresanoj faris kelkhoran promenadon tra la urbo, kaj helpe de ĉiĉerono rigardis la konatajn konstruaĵojn de Liberec.

Vespere okazis la *Internacia balo* kun tombolo kaj bufedo en la bankeda salono de Babylon. Preskaŭ ĉiuj kongresanoj partoprenis tiun, kaj surprize ni ricevis ege abundajn kaj bongustajn manĝaĵojn, eĉ ĉiuj partoprenantoj gajnis iun valoran donacon helpe de Anna Abelovská. La muziko estis bonega kaj orelkaresa, kaj multaj ĉeestantoj dancis ĝis noktomezo.

**Marde** antaŭtagmeze okazis la *Plenkunsido.* La komitato akceptis la raportojn de la estraranoj kaj de la gvidanto de la Redaktora Komisiono. Poste la komitato laŭ la kongrespropono elektis la kvinan estraranon por la redaktora funkcio. La raportojn de la ĉefkomitatano, de la komitatano „A" de IFEF ĉe UEA, kaj de la gvidanto kaj la sekretarioj de la Faka Komisiono la komitato unuanime akceptis. La vicprezidantino resumis la jarraportojn de la landaj asocioj, kaj la nunan situacion en kelkaj landoj. La komitatanoj akceptis la buĝeton por la jaro 2012, kaj la interrilatojn kun UEA, FISAIC kaj SAT. Por la jaro 2012 la komitato konfirmis la kongresurbon Herzberg am Harz en Germanio, kaj akceptis la proponon por kongresi en Francio en la jaro 2013.

La *Terminara Sekcio* pritraktis kaj unuecigis kelkajn nociojn por definitivigi tiujn. La sekretario de tiu sekcio s-ro Heinz Hoffmann altnivele gvidis tiun kunsidon laŭ la bone preparita materialo.

La *Dua duontaga ekskurso* okazis al la *Botanika Ĝardeno.* La partoprenantoj per nostalgia trajneto vojaĝis al la ĝardeno. Tra la urbo dumvoje la entuziasma ĉiĉerono montris al la ĉeestantoj diversajn vidindaĵojn, kiel la universitato, la muzeo ktp. La ĝardeno vere estis vidinda kun sia diverseco de plantoj, arbustoj kaj rokĝardenoj. Tre interesa estis la vitrodomo kun sia vasta kolekto de tropikaj kaj subtropikaj plantoj, eĉ la akvarioj kun diversaj belkoloraj fiŝoj kaj amfibioj.

Vespere la *Simfonia Orkestro ZUŜ Liberec* altnivele ludis komponaĵojn de Mendelssohn, Dvořák, Silvestri kaj Andersson. En la dua parto de la koncerto la fama *„JoMo"* el Francio ludis per gitaro, kaj kantis en Esperanto multajn konatajn melodiojn, kaj rikoltis grandajn kaj longajn aplaŭdojn.

**Merkrede** okazis la *Tuttagaj ekskursoj.* La unua grupo vizitis *Pragon*, kie 25 partoprenantoj unue rigardis la kastelon Hradčany kun la plej gravaj konstruaĵoj. Tagmeze ili vidis solenan ŝanĝon de la kastela gardistaro kun fanfaroj, kiun rigardis miloj da turistoj. Post bongusta tagmanĝo la ĉeestantoj vizitis la preĝejon de Sankta Virgulino Maria, kaj la artefaritan insulon Kampa. Poste sekvis la promenado sur la Karolo-Ponto kaj al la historia Malnovurba placo, kie troveblas la naskiĝdomo de Franz Kafka, la monumento de Johano Hus, la Malnovurba Urbodomo kun astronomia horloĝo. Okazis vizito ĉe la historia domo de Karola Universitato, en la Vencesla Placo kaj al aliaj konstruaĵoj. Fine la partoprenantoj vespermanĝis en la restoracio Výtopna, kie sur ĉiu tablo estis modelfervojo, kaj la menditajn trinkaĵojn oni alveturigas per miniatura lokomotivo kun unu aŭ du vagonoj.

La dua grupo vizitis du famajn kastelojn en belega vetero. Unue la partoprenantoj trarigardis la *Kastelon Hruby Rohozec*, kiun oni konstruis en la 14-a jarcento, kaj trakonstruis en la komenco de la 17-a jarcento en renesanca stilo. Tie ili konatiĝis kun la historio de la kastelo, kaj la bone konservitaj internaĵoj en dudeko da ĉambroj, ekipitaj per meblaro, pentraĵoj kaj aliaj kompletigoj en diversaj stiloj. Impona estis la negranda, sed tre bone prizorgata angla parko, apartenanta al la kastelo.

Poste okazis abunda tagmanĝo en eleganta restoracio en la montaro de la Ĉeĥa Paradizo, kaj poste la partoprenantoj promenis tra arbaro en proksiman *Rokaran komplekson*.



*Du prezidantoj (FISAIC kaj IFEF)*

La alia ekskurscelo estis la *Kastelo Sychrov*, konstruita en la jaroj 1822-1832 en empira stilo. Ankaŭ ekstere impona kastelo estis la rezidejo de la origine franca princa dinastio Rohanoj. En la kastelo la partoprenantoj rigardis la kastelan kapelon, multajn salonojn, ĉambrojn, koridorojn riĉe ekipitajn per originalaj mebloj, bildportretojn kaj pliajn kompletigojn, memorigantajn restadon de la nobelfamilio Rohanoj. La plej imponaj estis la salono de la reĝa apartamento, la biblioteko kaj la koridoroj kun multaj pentraĵoj kaj trofeoj. Apartenas al la kastelo belega kaj vasta parko kun kelkaj malgrandaj konstruaĵoj, kaj amaso de raraj arboj kaj arbustoj.



*Kantĥoro "Bendl" el Česká Třebová*

**Jaŭde** antaŭtagmeze okazis la *Ĉefa fakprelego* kun titolo „Sekurec- kaj komunikad-instalaĵoj je fervojoj de administracio por fervoja trafikvojo". La tekston verkis inĝ. Josef Schrötter kaj inĝ. Ladislav Kovář. La prezentadon faris la LKK-prezidanto kun eminenta maniero helpe de projekciilo.

Poste sekvis kvar *Prelegetoj*:



*Ekskursantoj antaŭ la kastelo Sychrov*

Z. Hinst: Transporta energia efikeco en Kroatio.

J. Niemann: Innotrans – kio estas kaj kiel funkcias foiro hodiaŭ.

R. Giuhat: Teknikaj solvoj aplikataj por replibonigo de la energonutradaj instalaĵoj kadre de la fervoj-traka sekcio Fetesti-Constanta.

V. Tornillo: Fervojstila restoracio „Výtopna" en Prago.

La *faka* programo daŭris per *ekskurso* por viziti telferon al Ještěd, kiu estas sola ekspluatata telfero fare de Ĉeĥaj Fervojoj.

Posttagmeze okazis la *Tria duontaga ekskurso* en la *Zoologia Ĝardeno*, kie la partoprenantoj vizitis ĉiujn bestpavilonojn, birdejojn, ekspoziciojn. La plej interesa estis la blankaj tigroj, la ŝimpanzoj kaj la multnombraj kaj diversaj birdoj.

Vespere la kongresanoj denove kolektiĝis en la kongresa salono por partopreni kaj ĝui la *Kulturan vesperon.* Unue la *Popola muzikgrupo"Dudáček"* donis interesan folkloran prezentadon per violonoj, violonĉeloj kaj sakfajfilo.

En la alia parto de la kultura vespero okazis koncerto de *Ĵaz-orkestro.* En la repertuaro de la orkestro estis komponaĵoj el la sferoj de svingo, ĵazo, bluso kaj ĵaz-rocko. Multaj melodioj estis konataj kaj orelkaresaj.

**Vendrede** dum la lasta tago de la kongreso la kongresanoj denove havis interesajn programojn. Dum la kunsido de la *Faka Komisiono* la partoprenantoj aŭskultis interesan prelegeton de s-ro J. Matuška kun la titolo „ETCS en Ĉeĥio". La ĉeestantoj traktis la tradukon de difinoj, kaj laŭ la difinoj ili definitivis kelkajn nociojn.

Poste okazis la programero *Movadaj aferoj*, kiam la ĉefa temo estis la kostoj de la produktado de la revuo „Internacia Fervojisto".

Dum la kongresa semajno aperis kvin numeroj de la *Kongresa Bulteno.* Tiuj estas belaspektaj, koloraj kaj la enhavo ege plaĉis al la kongresanoj. Ĉefe la artikolserio „Tri respondoj de…" estis ege interesa.

Posttagmeze okazis la *Solena Fermo* de la kongreso. La LKK-prezidanto, Ladislav Kovář taksis la rezultojn de la kongreso, kaj li konstatis, ke la 63-a IFEF-kongreso sukcesis bone kaj estis rezultohava. La LKK-prezidanto vokis al la podio la LKK-anojn kaj helpantojn, kaj dankis al ili la faritan laboron. Poste la prezidantino de IFEF, Rodica Todor parolis pri la plej gravaj eventoj de la kongreso, kaj laŭdis la laboron de ĉiuj kunlaborantoj. Fine la kongresan flagon transprenis Achim Meinel LKK-prezidanto de la 64-a IFEF-kongreso.

**István Gulyás** kaj **Jean Ripoche**

# Festparolo de la Prezidanto dum la solena malfermo

Estimataj gastoj, karaj organizantoj, karaj kongresanoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin al la 63-a IFEF kongreso en Liberec, kien invitis nin afable kaj kuraĝe por la tria fojo en ilia lando la ĉeĥaj kolegoj (post Olomouc, en 1991 kaj Tábor, en 2001) – do, ni esperu, ke post dek jaroj, en 2021, ili denove invitos nin.

Ni troviĝas ĉi tie en la koro de Eŭropo, en bela norda Bohemio, kie oni povas admiri pitoreskajn vidindaĵojn kaj esplori la historiaĵojn, sed ankaŭ la modernaĵojn de tiu ĉi urbo kun longa kaj densa historio de pli ol 1600 jaroj.



Ni ne forgesu, ke kvankam ne estas la plej granda asocio en nia federacio la Ĉeĥa Fervojista Esperanto-Asocio, tamen ĝi estas unu inter la plej aktivaj.

Dank' al siaj aktivuloj, kluboj, fakuloj kaj subtenantoj, multaj inter ni povis ĝui en Ĉeĥio multnombrajn esperantajn renkontiĝojn kaj fakajn aranĝojn.

Eble ne hazarde!

Ĉar en Ĉeĥio la Esperanto havas longan historion.

Pionira urbo koncerne Esperanton, ĝuste en Liberec registris jam en 1907 la tiam fondita Bohema Unio Esperantista; en 1924 okazis ĉi tie la dua Nacia Kongreso, kaj en 1949 kongresis en Liberec la Esperanto Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko.

Ni rememoru, ke pasintan aŭtunon oni festis la 50-an jubileon de loka esperantista rondo en Česká Třebová kaj ankaŭ pri historio de la fervojfaka agado oni povas multon ekscii en muzeo de Svitavy.

Estas multaj nomoj de elstaraj ĉeĥaj fervojistoj esperantistaj, kiuj skribis tiun historion kaj kiujn devus mencii. Inter ili multaj jam forpasintaj kiel:

- Zdeněk Polák, konata pro sia fakprelega kaj terminara aktivado,

- Ladislav Špína , komitatano de ĉeĥa l. a. dum multaj jaroj kaj membro de LKK por tiu kongreso en Liberec,

- Sláva David, Jaromír Řebíček, Jindra František kaj Bohumil Král (fondinto de ĉeĥa fervojista sekcio en 1965).

Estas ankaŭ multaj aliaj eminentaj aktivuloj, kiujn vi bone konas:

- Jiři Pištora (inter la fondintoj de ĉeĥa l.a.),

- František Struminsky, ĝia prezidanto dum multaj jaroj,

- Svatava Helmecziova , kasistino…kaj la listo estas longa.

Feliĉe, ilia laboro estis forte subtenata de Landa Sekcio de FISAIC, kiu ĉefe pere de s-ino Anna Abelovská apogis esperantan fakon ne nur enlande, sed ankaŭ eksterlande.

Inter eminentuloj ni ne forgesu nian kolegon Ladislav Kovář, kiu diskrete, sed ege profesie agadas en la Faka Komisiono, kaj nepre estas rimarkinda la sindona kontribuo de nelaciga nia amiko Jindřich Tomíšek, kiel ĉefkomitatano de IFEF.

Nome de IFEF mi kore dankas al ĉi supre menciitaj, kaj mi deziras konkretigi tiujn dankojn per honorigo de kelkaj inter ili – jam kutima emocia momento dum solena inaŭguro.

Al vi ĉiuj estas konata la dumjaraj oferema organiza laboron de s-ino Anna Abelovská, kiu ekde 2001 en Tábor forte subtenis la kongreson kaj ĉiujn sekvajn aranĝojn. Sen ŝia interveno ne estus okazinta IFEF kongreso en Poznano, kaj ni rememoru la starigon de la Memorŝtono de IFEF apud ĉeĥa tilio en Monda Parko en Malborko. Pro ĉiuj ĉi, kun plena interkonsento, ni decidis honorigi ŝin kiel ”Membro de Honora Patrona Komitato de IFEF”.

Diskrete, sed ege kapable laboras de longa tempo kiel sekretario de Fake Aplika Sekcio nia kolego inĝ. Ladislav Kovář, kiun ni honorigas por sia tuta agado per Honora Diplomo por elstaraj meritoj subtene al IFEF.

La saman Honoran Diplomon ricevas s-ro Jindřich Tomíšek pro sia tuta aktivado kadre de landa asocio kaj kiel ĉefkomitatano de IFEF. Dank` al lia fervora varbado, nia federacio gajnis novajn membrojn kaj multajn simpatiantojn.

Kiel vi jam konstatis, la Loka Kongresa Komitato faras ĉion eblan por plifaciligi nian restadon ĉi tie por favori interkonatiĝon, por transformi tradician kongreson en aparta evento. La programo proponita de niaj gastigantoj estas ege riĉa kaj certe kontentigos ĉiujn postulojn.

Nome de IFEF mi kore dankas pro ilia sindona agado kiel organizantoj.

Kaj ankaŭ mi dankas vin pro via ĉeesto, ĉar niaj ĉeĥaj kolegoj laboregis streĉe kaj intense por perfekte akcepti nin. Sen nia partopreno, tiu laboro estus vana!

Ĉu vere ni konscias kiel privilegiitaj ni estas?

Mi konas dekojn, eĉ centojn da esperantistoj, kiuj ĝojegus, se ili povintus troviĝi anstataŭ ni: sperti la tutan semajnon la internaciecon de nia aranĝo, babili ĉiutage en nia ŝatata lingvo, aŭ aŭskulti erudiciajn fakprelegojn, spekti la koncertojn, ĝui en familia rondo la belecojn kaj la tradiciojn de nekonata regiono por ni. Kaj ni venas al niaj kongresoj ne nur por uzi kaj ĝui nian lingvon en amikeca etoso, sed ankaŭ por montri, ke tiu ĉi tro ofte ignorata lingvo funkcias plene, komplete kaj sen obstakloj en ĉiuj kampoj.

Tion mi nomas nia privilegio!

Por mi persone, ĉi tiu kongreso estas tute aparta, ĉar estas la unua, kiun mi partoprenas entute kiel prezidanto de IFEF. Ne estis facile transpreni tiun taskon post la brila estrado de la antaŭa elstara teamo, kiu gvidis ĝis nun nian federacion. Feliĉe ni la novuloj ricevas konstante plenplenan helpon, kaj laŭbezone saĝajn konsilojn por bone regi delikatajn situaciojn.

Mi sincere kaj forte esperas, ke la nova teamo sukcesos – pere de via helpo – direktigi antaŭen nian Federacion.

Povus okazi, ke de tempo al tempo aperos malfacilaĵoj, malkresko de la membraro, eĉ kongresoj malmultnombraj. Tamen ĉi tiuj kongresoj restas ege gravaj! Ili estas la bazo de nia Federacio, en la plej taŭgaj kondiĉoj ili donas al ni eblon esprimi la opiniojn pri la funkciado kaj regado de IFEF, ili okazigas viglajn laborkunsidojn, diskutojn kaj interŝanĝojn de ideoj. Mi certas, ke la rezultoj de tiuj plurflankaj debatoj kontribuas por plifortigi la efikon de nia agado.

Mi forte kredas, ke la fervojoj kaj la Esperanto estas kaj restos du esencaj iloj je la servo de la homaro. Por reaserti ĉi tiun rolon, ni devas daŭre agadi, kaj tiucele niaj kongresoj estas bonaj rimedoj por interŝanĝo de spertoj. La nove aperinta Strategia Laborplano de UEA por la jaroj 2011-2020 povus reprezenti por IFEF kaj ties landaj asocioj orientigan gvidfadenon por formuli konkretajn taskojn por la sekvontaj jaroj.

Kun tiuj optimismaj pensoj, en la nomo de IFEF mi deziras sukcesajn, riĉigajn, klerigajn kaj amuzajn tagojn en tiu bela kongresa urbo Liberec.

**Rodica Todor**
prezidantino de IFEF

# Resuma jarraporto de la Landaj Asocioj de IFEF pri la jaro 2010

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2010. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar ne alvenis raporto el Hispanio, Japanio, Norvegio, Serbio kaj Slovakio. Inter ili Serbio kaj Slovakio jam de pluraj jaroj ne sendis jarraporton.
En la jarfino de 2010 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF, jene: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Serbio, Slovakio kaj Slovenio.

**1./ La landaj asocioj**

La landaj asocioj raportas pri 1710 asociaj membroj, kiu nombro estas kun 85 membroj estas malpli ol en la antaŭa jaro. Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de fervojistaj esperantistoj, ni povas konstati, ke dum la lastaj dek jaroj en ĉiuj jaroj grave malkreskis tiu nombro. En 2001 la membro-nombro estis 3160, en 2005 estis 2310, kaj en la jaro 2010 nur 1710. Laŭ la jarraportoj 5 landoj havas malpli ol 50 membrojn, 4 landoj havas membrojn inter 51 kaj 100, du landoj havas inter 101 kaj 200 membrojn, kaj du landaj asocioj havas pli ol 200 membrojn.

La kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la aĝo de la membraro de la fervojista Esperanto-movado, malboniĝas la ekonomia situacio, kontinue ŝanĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro de fervojistoj, disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo, kaj mankas gejunuloj inter la esperantistoj.

Laŭ la raportoj IFEF nombras – kune kun la 9 individuaj membroj – 515 membrojn, kiu nombro estas kun 70 malpli ol en la antaŭa jaro. La plej grava malpliiĝo estas en Aŭstrio (36) kaj en Norvegio (16). Se oni komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasintaj dek jaroj, la rezulto montras bedaŭrindan aferon. En 2001 la membro-nombro de IFEF estis 992, en 2005 estis 718, kaj en la jaro 2010 nur 515.

Tio estas malgaja tendenco.

En Danio kaj Italio ĉiuj siaj membroj estas IFEF-anoj.

La raportoj indikas el la plena asocia membro pli ol 72%-ojn da emerituloj, kaj en multaj landoj tiu indiko atingas eĉ superas la 90%-ojn, nur en Ĉinio kaj Rumanio havas malpli ol 50%-jn da emerituloj.

**2./ Taskoj de la landaj asocioj**

Ok landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano.

Nur 9 landaj asocioj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado, do nur ili konservis historiajn heredaĵojn de sia lando, kaj sendis indikojn kaj materialojn al la Honora Prezidanto por pretigi centjaran historion de la fervojista Esperanto-movado.

**3./ Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Ok landaj asocioj raportas pri bonaj interrilatoj kun la fervoja administracio. El ili kvin asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni.

Ses landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj, kaj neniu ricevis apogon.

Dekunu landaj asocioj havas rilaton kun la landa FISAIC-organizaĵo. Sep landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvar landaj asocioj havas oficon en la FISAIC-organizaĵoj.

Dekunu landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj ludas gvidan rolon en tiuj organizoj.

## 4./ Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj

Nur en Aŭstrio, Belgio, Pollando kaj Norvegio ne okazis jarkunveno en la jaro 2010. Entute pli ol 300 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj. Nur kvar landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj, nombre 22 personoj. Preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj okazis fakprelegoj, krome kelkaj landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn.

En ses landoj oni aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

## 5./ Interrilatoj kun Esperanto-organizoj

Laŭ la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sialanda asocio de UEA, eĉ en kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj agadis kiel estraranoj de tiu.

Entute nur en du landoj ekzistis SAT organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj interrilatis.

Dekunu landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.

En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistas fakdelegito ĉe UEA. Entute 44 fakdelegitoj helpis la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

## 6./ Informado en la plej vasta senco

En ses landoj aranĝis ekspozicion la fervojistaj esperantistoj kiujn plurmil interesiĝantoj vizitis. Iliaj temoj varie estis la historio kaj agado de la landa fervojista Esperanto-movado, la vivo de la fakgrupoj, la rezultoj de la instruada, terminara kaj faka laboro.

Dek landaj asocioj en propra medio informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Multaj landoj funkciigis murgazetojn en siaj stacidomoj kaj aliaj konstruaĵoj, eĉ kelkaj landaj asocioj pretigis afiŝojn kaj flugfoliojn por popularigi la Esperanto-movadon.

Ok landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj.

## 7./ Instruado

Estas ĝojplena evento, ke preskaŭ ĉiuj landaj asocioj – escepte Aŭstrio, Danio kaj Slovenio – raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj, kaj la nombro de la kursoj montras similecon kun la antaŭa jaro. Laŭ la raportoj okazis entute 34 lingvokursoj kun 732 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio, Francio, Hungario, Rumanio, Ĉeĥio kaj Italio.

La lingvokursoj estis memstaraj en kvar landoj, kaj dek landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

## 8./ Junulara agado

Kvin landaj asocioj raportas pri entute 59 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj. En Hungario 35, en Ĉinio 20, en Italio kaj Kroatio 1-1 gejunuloj

troveblas. Memstara junulgrupo ne ekzistis.

Multaj raportoj enhavas plendon pro la manko de gejunuloj. Pluraj raportoj konstatas, ke akiri novajn membrojn el la junularo estas „senespera afero”. Vane ni aranĝas pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, kaj ni popularigas la Esperanton pere de organoj, afiŝoj, murgazetoj, flugfolioj kaj aliaj medioj, la gejunuloj ne venas inter nin, kaj ne interesiĝas pri Esperanto. Do oni devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

### 9./ Landaj organoj

Dek landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, kaj Pollando kvarfoje, en Italio kaj en Rumanio unufoje aperis la landa organo en la jaro 2010. La japanoj eldonis kvar informilojn pri la enhavo de la revuo Internacia Fervojisto. La nombro de la jara paĝo estis pli ol 500, laŭlande ĝi varias inter 12 kaj 80 paĝoj. Bulgario, Danio, Hungario kaj Rumanio eldonis ĝin pure en Esperanto.

Ĉiuj landaj asocioj, krom Pollando, havis spacon en aliaj organoj.

### 10./ Faka agado

Naŭ landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La aktiveco iomete malkreskis flanke de kelkaj landaj asocioj, sed la kunlaboro kun kelkaj landaj asocioj kaj kun UIC estis rezultohava. Ĉefe la germanoj laboris aktive sur tiu tereno.

Sep jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

### 11./ Ekonomio

Laŭ la jarraportoj la ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭaj jaroj. En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la reduktoj de la elspezoj povis ekvilibrigi la financan staton. En kvin landoj la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga, ses landoj havas modestan ekvilibron. En Ĉinio kaj Belgio la ekonomia situacio estas ege malbona.

Aliaj landaj asocioj plendas, por ke la afrankoj altiĝis, la membrokotizon pagantaj membroj malpliiĝis, la kosto de la uzado de la fervojaj ejoj altiĝis.

### 12./ Fina komentario

La landaj asocioj – kiel ĉiujare – akre formulas la ĝeneralan situacion de la fervojista Esperanto-movado. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la ĉeso de la financaj apogoj. Pro tio neniu volas transpreni la gvidan taskon en la asocioj. Legante la jarraportojn ĉagrene oni konstatas, ke en kelkaj landoj la fervojista Esperanto-movado preskaŭ ĉesas. En Belgio, Norvegio, Serbio, Slovakio estas la plej malbonaj situacioj, ĉefe pro tio, ĉar mankas membroj, kiuj agadas, kaj kiuj transprenas la gvidajn postenojn en la asocioj.

Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Preskaŭ ĉiuj jarraportoj mencias, ke la tendenco estas preferi la anglan lingvon. Pro tio ni devas plibonigi la agadojn de IFEF kaj de la landaj asocioj.

Laŭ mia opinio – helpe de la nova Laborplano de IFEF – ni povos trovi taŭgajn metodojn, kaj eblecojn por plibonigi niajn laborojn, kaj en la estonto nia agado prosperos.

La 5-an de majo 2011

**Sylviane Lafargue**
vicprezidanto de IFEF

# DENOVE PRI LA TERTREMO KAJ CUNAMO EN JAPANIO

En la antaŭa numero de IF mi verkis artikolon pri la japana tertremo kaj cunamo. En la fino de la artikolo mi rimarkis, ke „Post la redaktofino mi ricevis sciigojn de Osioka Moritaka kaj Nobuki Naosuke pri la situacio de la tertremo kaj cunamo, pri kio mi raportos en la sekva numero de IF."

Osioka Moritaka estas la prezidanto de la japana landa asocio de IFEF, kaj Nobuki Naosuke estas Honora Membro de IFEF. Mi estis ege feliĉa, ke post tiu terura katastrofo ili anonciĝis nin.



S-ro Osioka Moritaka i.a. skribis, ke dum la katastrofo 27 kuglaj trajnoj „Ŝinkansen" estis kurantaj sur la reloj. Laŭ la marbordo de tiu regiono la fervojo havis sistemajn detektilojn de tertremo ĉe naŭ lokoj, kaj antaŭ 70 sekundoj de la tertremo ĉesis la liveradon de la elektro, kaj pro tio la trajnoj urĝe bremsis sin. En la rapideco 200-300 km/h la kuglaj trajnoj povas halti post pr. 1000 metroj ekde la urĝa bremso. Do la trajnoj haltis antaŭ la atako de la tertremo. Feliĉe, ke la japanaj fervojistoj estas fidelaj al siaj unuaj misioj por la sekuraj transportoj, tamen estis multaj viktimoj de la tertremo.

S-ro Nobuki Naosuke i.a. skribis, ke en la plagitaj regionoj loĝas du membroj de la Japana Esperantista Ligo Fervojista. Kun ĝojo li skribis, ke antaŭ kelkaj tagoj li ricevis neatenditan sciigon per telefono de ili, ke ambaŭ fervojistaj esperantistoj bonfartas.



Mi ege dankas al s-roj Osioka kaj Nobuki la sciigojn, kaj mi esperas, ke la konsekvencojn de la katastrofo jam grandmezure malpliigas la japana popolo. Tamen ni kontinue aŭdis malgajajn sciigojn pri la danĝera difekto de la nuklea centralo de Fukuŝima, kaj pri nova forta tertremo en la norda parto de Japanio.

Konate la japanajn homojn, iliajn disciplinemojn, fortostreĉojn, kaj entuziasmajn laboremojn, mi estas konvinkita, ke ili rapide „resaniĝas" kaj fizike, kaj anime.

**István Gulyás**

# Raporto de la ĉefkomitatano

Mi partoprenis du estrarkunvenojn, okazintaj ekster la kongreso, aŭtunan la 24-an de oktobro 2010 en Liberec dum jarkunveno de ĈeFEA, kaj printempan la 7-an kaj 8-an de marto 2011 en Parizo. En Liberec estis pritraktitaj preparlaboroj por la 63-a IFK, oni vizitis hotelojn kaj aliajn lokojn kunligitajn kun la kongreso, en Parizo estis traktitaj la organizaj, financaj, redaktoraj aferoj kaj aliaj. La respondeculoj debatis pri venonta agado de IFEF laŭ la nova laborplano, kaj pripensis malfacilan situacion en kelkaj landoj. Sekvis la analizo de niaj eksteraj rilatoj pri UEA kaj FISAIC. En interkonsento kun la estraranoj mi preparis kaj dissendis „Cirkuleron“ kaj „Demandilon“ pri la Jarraportoj 2010 kaj mi dissendis al la kutimaj adresoj.

En kunlaboro kun la vicprezidanto mi kolektis jarraportojn, kaj kunlabore kun la kasisto ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Entute venis jarraportoj el 14 landoj, malgraŭ petoj ne sendis tiujn Hispanio, Japanio, Norvegio, Serbio kaj Slovakio.

Mi klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj trovi kontaktulojn en aliaj landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion. Tiucele krom alia mi preparis alvokon kun titolo „IFEF deziras tutmondiĝi“ – kiun mi sendis al pluraj landaj asocioj de UEA kun peto informi la membraron. La alvoko aperis en la revuo de UEA „Esperanto“, en la revuo „La Ondo de Esperanto“, en kelkaj aliaj naciaj E-revuoj kaj bultenoj, tamen ĝis nun sen dezirata rezulto. (Aliĝis nur unu individua membro el Israelo, aliajn ni atendas.) Aperis ankaŭ aliaj senditaj informoj pri agado kaj aranĝoj de IFEF cele propagandi kaj informi. La plej bona kunlaboro tiucela estas kun Ĉina Radio Internacia kaj Radio Vatikana, kiuj plurfoje raportis pri la IFEF-agado kaj aranĝoj.

En kunlaboro kun D-ro Heinz Hoffmann lastjare mi preparis 12 kolektojn de fakaj prifervojaj informoj kun titolo „El fervoja mondo“, ĉijare ĝis nun 6 kolektojn, kiuj estis senditaj al retadresoj de la landaj asocioj de IFEF kaj al interesuloj en diversaj landoj. Venis aprobaj reagoj kaj mi strebas daŭrigi tiun ĉi informan agadon. Mi dankas al D-ro Heinz Hoffmann por la kunlaboro sur tiu ĉi informa kampo.

Nesukcesaj klopodoj restas: renovigi agadon de landaj asocioj en iuj landoj kiel Svisio, Nederlando, Svedio, Finnlando kaj aliaj, kie siatempe ili ekzistis. Tamen mi ne rezignas daŭrigi tiujn ĉi klopodojn.

Mi kore dankas al la estraranoj, al la anstataŭantino de la ĉefkomitatano Rodica Giuhat, al la komitatanoj kaj al ĉiuj aliaj membroj, kiuj kunlaboras kaj helpas plenumi miajn taskojn. Samtempe mi pardonpetas pro faritaj mankoj, ekz. malfrua dissendo de la kongrespropono n-ro 2, por ke ĝi povus esti ĝustatempe pritraktata fare de la komitatanoj kaj la landaj asocioj de IFEF.

Kun plezuro kaj danko mi akceptos ĉiun proponon, konsilon aŭ sugeston, kiel plibonigi la agadon por vivigi nian Federacion.

**Jindřich Tomíšek**

# Raporto de la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono

**Internaj aferoj.**

En septembro la 17-an 2010 okazis en Česká Třebová seminario pri rolo de Esperanto en moderna mondo, okaze de 50-jara datreveno de fondiĝo Esperanta rondeto Amikeco en Česká Třebová. Ĝin aktive partoprenis s-ro Niemann kun prelego pri historio de IFEF, s-ro Hoffmann kun prelego aplikado de Esperanto en fervoja terminologio kaj s-ro Kovář parolis pri historio de esperanta rondeto Amikeco en Česká Třebová. La seminarion partoprenis 80 geesperantistoj el Ĉeĥio kaj eksterlando.

En sekvantaj tagoj – sabato kaj dimanĉo – daŭrigis festado per oficiala kunveno kaj amuzaj programeroj.

La aranĝon subtenis urbo Česká Třebová kaj Urba muzeo. Informis pri ĝi ankaŭ loka televidkanalo.

Dum foiro Innotrans en Berlin eptembre 2010 okazis neformala kunveno de membroj de Faka Komisiono, estis vizititaj diversaj standoj kun interesaj ekspoziciaĵoj. S-ro Niemann eĉ partoprenis preparlaborojn por ekfunkciigo de ekspozicio de firmao Starmon.

**Fervojfakaj kajeroj.**

Nunjare, estas kiel, regule preparita nova numero de FFK-19, kiu enhavas artikolojn kun temoj prezentitaj dum pasinta kongreso en Sofio. Je ĝia preparo kunlaboris membroj de Faka Komisiono – s-roj H. Hoffmann, J. Niemann kaj A. Galkin kaj Lene Niemann.

**Faka programo dum la 63-a IFEF kongreso.**

La temo de la nunjara ĉefa prelego estas: Sekurecaj sistemoj sur linioj de Administracio por fervoja trafikvojo, ŝtata organizaĵo en Ĉeĥa Respubliko prezentitaj per du firmaoj: AŽD Praha s.r.o. kaj Starmon s.r.o.

La titoloj de la prelego estas:

Telefunkciigo de sekurecinstalaĵoj kaj centralizita trajntrafikregado:,
inĝ. J. Schrötter.

Starmon s.r.o. nova etapo de evoluo: inĝ. L. Kovář.

**Prelegetoj.**

Por aktualaĵoj el fervoja medio estis preparitaj sekvaj prelegetoj:

R. Giuhat: Teknikaj solvoj aplikitaj por replibonigo de la energonutradaj instalaĵoj kadre de la fervoj-traka sekcio Fetesti-Constanta.

Z. Hinšt: Transporta energia efikeco en Kroatio.

J. Matuška:ETCS en Ĉeĥio.

J. Niemann:INNOTRANS – kio estas kaj kiel funkcias foiro hodiaŭ.

Ekster la programo estis prezentita fotoprezentaĵo de Vito Tornillo pri praga fervojstila restoracio Výtopna.

**Faka programo dum 96-a UK 2011 en Kopenhago**

prezentos s-ro Niemann:

Dum kongresa vendredo estas preparita ekskurso al regadejo kaj riparejo de kopenhaga metroo kaj al nova linio de la metroo. Por fervojistoj estas eble en Naestved malmultekoste tranokti.

**Ladislav Kovář**

# Raporto de la sekretario de Terminara Sekcio 63-a IFEF-kongreso 2011, en Liberec

Karaj gekolegoj, nunjare mi povas doni tri bonajn informojn.

**Unue:**

Pasintjare en Sofio nia sekcio decidis pri pluraj korektoproponoj por Plena Ilustrita Vortaro (PIV). En Septembro PIV-responsulo Michel Duc Goninaz dankante respondis, ke niaj modifoj pri fervojo estas kompreneble sendiskute akceptitaj. Alifakaj proponoj, ekzemple pri loĝistiko kaj terminalo, ŝajnas al li ankaŭ pravaj.

**Due:**

La organizo Edukado Interreto kunlabore kun Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) intencas krei retan version de Plena Ilustrita Vortaro. Tio havos du gravajn avantaĝojn: Ĉefe interesatoj, kiuj ne povas pagi la grandan sumon por papera eldono, sed havas aliron al Interreto, tiel povos uzi la vortaron senpage. Alia avantaĝo estas, ke la retejo www.vortaro.net havos forumon por ĉiu vorto, kiu ebligas viglan diskutadon. Planita estas ankaŭ versio sur kompakta disko.

La organizo ĝis nun kolektis ĉirkaŭ duonon de la bezonataj dek mil Eŭroj. Pliaj donacantoj estas serĉataj.

**Trie:**

En decembro finfine mi ricevis portempan aliron al la reta versio de terminologia datumbanko de Internacia Fervojunio UIC, por rekte propramane enigi grandan kvanton, nome restajn 1113 tradukitajn difintekstojn kaj deciditajn terminŝanĝojn. La nova programaro ebligis senperturban enigon, kaj la datumbanko ricevis novan nomon UIC TermEdit. Tie nun troviĝas 1565 Esperanto-difinoj, kio estas ĉirkaŭ duono de difinoj en angla, franca kaj germana.

Bedaŭrinde la kreo de la koncerna kompakta disko prokrastiĝis. Ankaŭ mankas al mi informoj pri estonta uzo de la reta versio. Mi ĝustatempe informos vin per Terminara Kuriero.

Dum la nuna kongreso estas daŭrigata terminara diskutado, kiu temas pri 16 nocioj.

**Heinz Hoffmann**

# Resumo de la ĉefa prelego

## Sekurec- kaj komunikadinstalaĵoj je fervojoj de Administracio por fervoja trafikvojo, ŝtata entrepreno (SŽDC, s.o.)

*Inĝ. Josef SCHRÖTTER, Inĝ. Ladislav KOVÁŘ*

Dum la pasintaj dudek jaroj okazis multaj ŝanĝoj en fervoja medio de Ĉeĥa respubliko. Krome la grgravaj administraciaj ŝanĝoj tio estas ĉefe modernigado de traklinioj kaj stacioj por pli alta rapidokaj okazos intersistema uzeblo sur koridoroj kaj raciigo de branĉlinioj. Kun la prezentitaj streboj estas kunligita ankaŭ konstruado de novaj komunikadaj kaj sekurecaj instalaĵoj.

Sur ĉi tiu teritorio estas en Ĉeĥio signifaj du kompanioj AŽD Praha s.r.o. kaj Starmon s.r.o., kies konciza karakterizilo kaj prezento de iliaj produktoj estas la temo de la ĉefa prelego. Iliaj produktoj kaj instalaĵoj estas altkvalitaj kaj oni povas renkonti kun ili sur la tuta fervojreto de SŽDC, s.o. (Administracio por fervoja trafikvojo, ŝtata entrepreno)



La unuan prelegon kun titolo „Telefunkciigo de sekurecinstalaĵoj kaj centralizita trajntrafikregado" verkis inĝ. Josef Schrötter, vicdirektoro por komercaj aferoj de firmao AŽD Praha s.r.o. Al esperanta formo tradukis ĝin Jindřich Tomíšek. En la prelego estas detale priskribitaj aktivadoj de la firmao en sfero de centraligitaj sekurecinstalaĵoj sur la dua ĉefa koridoro el Břeclav al Ostrava kaj ankaŭ sur branĉlinioj, kie la priskribitaj sistemoj prezentas ankaŭ gravan ekonomian efikon por la uzantoj de la fervojlinio. La prelego estas kompletigita per tabeloj kun informoj pri unuopaj kaj totalaj nombroj de instalitaj elementoj kaj sekvantaj ŝparoj.

La dua parto de la prelego „ Starmon s.r.o. nova etapo de evoluo" temis pri evoluo de la firmao kaj detale estis priskribitaj ĝiaj aktivadoj kaj produktoj. Ĉefa produkto – elektronikaj sekurecinstalaĵoj por fervojo kaj metroo estas prezentitaj pli detale, same kiel diagnostikaj sistemoj por sekurecinstalaĵoj kaj fervojaj veturiloj. En la teksto estas ankaŭ menciitaj informadsistemoj kun unuopaj elementoj. La prelegon verkis inĝ. Ladislav Kovář – sekretario de la firmao.

Lingvan revizion de ambaŭ prelegoj faris D-ro Heinz Hoffmann.

# Fervojfaka ekskurso dum la 96-a UK en Kopenhago



La reto

*En la antaŭa numero de IF aperis alvoko pri la senpaga fervojfaka ekskurso dum la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago. La Dana Esperantista Fervojista Asocio precizigis tiun alvokon, jene:*

”Merkrede la 27an de julio ni renkontiĝos je la 10-a horo en la haltejo VESTAMAGER, sur la kajo.

La kongresejo ”Bella Center” situas tuj ĉe la Bella Center haltejo, kaj estas surtera parto de la metroo, vi povas facile sekvi la fervojon al Vestamager, distanco ĉ. 2 km-j. Por iri per la metroo, vi bezonas 2-zonan bileton aŭ unu tondon en blua tondkarto.

Ni estos gvidataj tra la regejo/bontenadcentro de la metroo, kaj poste ni iros al la centro de Kopenhago, kie momente oni konstruas la ”Cityring” ringlinion, kiu estos tria etapo de la metroo.


La regejo

Se vi volas legi pli pri la met-roo, en la FervojFakaj Kajeroj 8 kaj 19 aperis artikoloj. Se vi havas demandojn, skribu al JAN NIEMANN (niemann heliko kabelmail.dk) aŭ turnu vin al li dum la fervojista kontaktkunveno dum UK.

Ĝis revido en Kopenhago, salutas DEFA”


Vestamager haltejo

*Mi denove proponas elekti tiun fervojfakan ekskurson en la kongresa ekskurstago.*

**István Gulyás**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9.
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“ 9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN: FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Menetjegynyomda Kft
Jászberényi út 55
HU-1106 Budapest
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„ladislav.kovář@worldonline.cz“




Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson okazontan en **Herzberg** (Germanio) de la 19-a ĝis la 25-a de majo 2012. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj.




*Prezentado de la venonta 64-a IFK*

## NASKIĜDATREVENO

La 2-an de septembro 2011 s-ro **Wilhelm Barnickel** festos sian 90-an naskiĝdatrevenon. Pro lia granda merito en la jaro 1996 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
**Koran dankon pro lia plurjardeka, rezultohava, grava laboro por Esperanto.**